2.ª Ep. AÑO VII N.º 35 (171) ENERO - FEBRERO 1969




DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO

# 29.ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO

Ĉefenirejo al la Universitato de La Laguna, Kongresejo de la 29ª Hispana Kongreso de Esperanto, de la 5ª al la 10ª de julio de 1969

**BOLETIN DE LA FEDERACION ESPAÑOLA DE ESPERANTO**

Str. Torre Nueva, 30, 1.° ZARAGOZA
Redacción y Administración:
Secretaría: Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
Director: Domingo Martínez Benavente

ADRESOJ

Hispana Esperanto Federacio
Prezidanto:
Dro. Miguel Sancho Izquierdo
Str. Torre Nueva, 30, 1.°
ZARAGOZA

Ĝenerala korespondado:
Sekretariino:
Inés Gastón
P.° Marina Moreno, 35, 4.° Dcha.
ZARAGOZA

Monsendoj:
Kasistino:
María Pilar Gómez
Str. Bolonia, 14, 1.°
ZARAGOZA

Sendaĵojn pri statistiko kaj informado al:
S-ro. Salvador Aragay
Str. Bassegoda, 40, 3 - 1
BARCELONA - 14 Hispanio

Libroservo:
Sekretariejo de H. E. F.
P.° Marina Moreno, 35, 4.° dcha.

Ĉekkonto: n.° 14114, Banco de Bilbao
ZARAGOZA

Jarkotizo por eksterlando: 120 ptojn.

La enhavo de la artikoloj ĉi tie publikigitaj ne reprezentas la oficialan opinion de H. E. F., escepte en okazo de oficiala komuniko; do pri la artikoloj respondecas la aŭtoroj mem.

## de secretaría

Ante la imposibilidad de contestar todas las felicitaciones recibidas durante las pasadas fiestas lo mismo para la Federación que para mí personalmente, quiero manifestar aquí nuestro agradecimiento y buenos deseos para todos, en el nuevo año que acabamos de empezar.

NUEVA SECCION DE H.E.F.

En la reunión mensual que el 30 de noviembre celebró la Directiva de la Federación Española de Esperanto, se acordó crear una Sección de Turismo dentro de la Federación. Después de llevados a cabo los trámites oportunos, en la reunión que la Directiva celebró el 30 de diciembre de 1968, siendo nombrada Presidente de dicha Sección doña Inés Gastón Burillo.

Hoy podemos comunicar el haber sido aprobada por la Superioridad la creación de dicha Sección y el nombramiento de Presidente de la misma.

NUEVO DIRECTIVO DE H.E.F.

Después de la consulta hecha a todos los miembros de la Federación por medio de BOLETIN, ha sido nombrado Vocal de la Junta Directiva don Angel Díez García, nombramiento que ha sido aprobado por la Superioridad.

INES GASTON

**DONATIVOS PARA BOLETIN 1969**

| | Ptas. |
|---|---|
| J. Clariana, *Zaragoza* | 450 |
| A. M. Corral, *Buenos Aires* | 150 |
| L. Moulines, *Caracas* | 150 |
| Esperantista, *Barcelona* | 2.000 |
| M. de Elézcano, *Bilbao* | 100 |
| M. Ruiz Maza, *Madrid* | 50 |
| C. Ezquerra, *Barcelona* | 150 |
| A. Pastor, *Bilbao* | 50 |
| F. Alsina, *Barcelona* | 50 |
| M. Alsina, *Barcelona* | 50 |
| J. Roig, *Barcelona* | 50 |
| A. Bohigas, *Barcelona* | 50 |
| A. Roca, *Barcelona* | 25 |
| D. Brugués, *Barcelona* | 25 |
| J. Martínez, *Bitem Tortosa* | 90 |
| M. Tarragó, *Almatret* | 30 |
| J. M.a Molina, *Barcelona* | 100 |
| C. Tranque, *Valladolid* | 25 |
| C. Berghänel, *Barcelona* | 50 |
| P. González Cantero, *Madrid* | 50 |
| J. Castell, *Barcelona* | 50 |

**De la komenco de marto estos je via dispono poŝtkartoj kaj glumarkoj de la 29-a HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO. Mendu ilin al la Loka Kongresa Komitato, Apartado 53, La Laguna (Tenerife), aŭ al la Sekretariejo de H. E. F., Paseo Marina Moreno, 35, Zaragoza.**

**Prezo: Poŝtkartoj, 3 ptoj. unuo.**
**Glumarkoj, 3 ptoj. folieto 6 glum.**

# INVITACION

Quiero que estas primeras líneas mías en el primer número de este año de nuestro Boletín sean para desear a todos los esperantistas españoles un feliz Año Nuevo.

Y luego, para invitar, a todos también, con el mayor fervor, para que acudan al XXIX Congreso Español de Esperanto que se celebrará, Dios mediante, del 5 al 10 de julio en La Laguna, sede universitaria próxima a Santa Cruz de Tenerife, capital de una de las provincias formadas por esas bellas islas, rincón florido de nuestra patria, las llamadas un día "Islas Afortunadas", cuyos orígenes históricos aparecen entretegidos con las más bellas leyendas de la Atlántida y el Jardín de las Hespérides.

En su conjunto y en su particularidad, todas y cada una de las Islas Canarias ofrecen su belleza y su tipismo a cuantos, procedentes de todos los países, las visitan.

Ello sería ya motivo suficiente para que todos los esperantistas españoles que pudieran hicieran el necesario esfuerzo para acudir a este Congreso. Pero es que, además, las Islas Canarias y concretamente La Laguna, constituye uno de los focos más brillantes del esperantismo. Piénsese que en aquella Universidad existe la única cátedra oficial de Esperanto de las Universidades de España. Piénsese que allí funciona la Editorial "Stafeto", conocida en el mundo entero, bajo la dirección del Prof. Juan Régulo Pérez, académico y miembro del Comité de U.E.A.

Por ello, yo quisiera que estas palabras mías de invitación a nuestro XXIX Congreso fueran, si cabe, más cálidas y persuasivas que nunca, a fin de que esta reunión nuestra en aquel extremo en que nuestra patria se abre al mundo entero, fuera de las más concurridas.

Así lo desea y lo espera vuestro Presidente

MIGUEL SANCHO IZQUIERDO

# AVIGNON I. F. E. F. KONGRESURBO EN 1969

Ĉiujare la Internacia Fervojista Esperanta Federacio (IFEF), organizas Internacian Fesvojistan Esperantan Kongreson.

En ĉi tiu jaro estis faritaj precizaj studoj kaj viglaj debatoj pri la taŭgeco de du francaj urboj por aranĝi la 21-an I.F.E.F. Kongreson: Rojan kaj Avignon. Finfine, por gastigi la kongresanojn de la 17-a ĝis la 23-a de Majo 1969, estis elektita la bela famkonata urbo Avignon, kiu staras en la suda regiono de Francujo.

La proksimeco al Hispanujo, la alloga antikva historio kaj la belegaj eksterordinaraj konstruaĵoj de Avignon, kune kun la bone aranĝita kongresprogramo kaj la ĉeesto de multaj geesperantistoj el Eŭropo, logos ĉiujn hispanajn esperantistojn partopreni en tiu kongreso.

Hispana Esperanta Fervojista Asocio (H.E.F.A.) sciigas la provizoran programon de ĉi tiu kongreso; ankaŭ la kongreskotizon por la partoprenontoj laŭ limdato de la monsendo.

Jen la provizora programo:

Vendredon la 16-an. — Gazetara konferenco.
Sabaton la 17-an. — Kunsido de la I.F.E.F.-estraro kun L.K.K. Interkona vespero.
Dimanĉon la 18-an. — Diservoj. Solena malfermo de la kongreso. Distra posttagmezo. Internacia balo.
Lundon la 19-an. — Komitataj kunsidoj. Junulara komisiono. Fakprelega komisiono. Terminara komisiono. Duontaga ekskurso per aŭtobuso al Uzes kaj Pont du Gard. Teatra kaj folklora vespero.
Mardon la 20-an. — Komitataj kunsidoj. Bankedo. Fakprelego kaj filmoj.
Merkredon la 21-an. — Tuttaga ekskurso per aŭtobuso al Arles kaj Camargue.
Jaŭdon la 22-an. — Plena kunsido. Diversaj vizitoj. Junulara vespero.
Vendredon la 23-an. — Duontaga ekskurso per aŭtobuso al Fontaine de Vaucluse kaj Orange. Fermo de la kongreso.

JEN LA KONGRESKOTIZOJ KAJ PREZOJ DE LA EKSKURSOJ

(ĜIS LA 15-a DE MARTO)
Kongresano 44 NF. (Proks. 616 ptoj.). Familianoj, junuloj kaj pensiuloj, la duono.
(ĜIS LA 30-a DE APRILO)
Kongresano 50 NF. (Proks. 700 ptoj.). Familianoj, junuloj kaj pensiuloj, la duono.
Ekskurso al Uzes kaj Pont du Gard: 8 NF. Veturo sen manĝo.
Ekskurso al Arles kaj Camarque: 38 NF. Veturo kaj tagmanĝo.
Ekskurso al Fontaine de Vaucluse: 10 NF. Veturo sen manĝo.

Ne forgesu ke al tiuj fervojaj kongresoj ne nur rajtas ĉeesti fervojistaj esperantistoj sed ankaŭ ĉiuj esperantistoj povas partopreni ĝin. Por informo pri la 21-a IFEF kongreso skribu al Sro. Rafael Devis, komitatano de I.F.E.F. en Hispanujo, Str. Sicilia, 264, casa 2, 3.º, C. Barcelona-13.

**José Cerezo**

**La 3 danaj ministroj** pri kulturo, instruado kaj eksterlandaj aferoj devas ricevi fortan impreson pri la uzado de esperanto. Tial ni petas alsendon de 3 ekz. de ĉiu specaj broŝuroj, klubaj informiloj, revuoj, libroj ktp.

Post la transdono ĉiu kontribuinto ricevos raporton:
Inĝeniero Ib Schleicher, Ved Bellahøj 21. 13.
DK-2700 Kopenhago BRH. Danlando.
Prezidanto de Centra Dana Esperantista Ligo.



# DANKESPRIMO

Gojon kaj kontentigon vekis en ni vidi en la kristnaskkarto —per kiu la Ministro de Informado kaj Turismo gratulis nin pro Kristnaskfesto— redaktita en pluraj linvoj, aperi ankaŭ la lingvo Esperanto.

Oni komprenos, ke ne temas pri naiva nek infana kontentigo, simila al tiu de infano atinganta sian celon, sed pravigita kontentigo trascendanta kion ĝi signifas.

Ĉefe kaj unualoke signifas ion, kio ne estas nova por tiuj kiuj same kiel ni estis en kontakto kun la estro de tiu Ministrejo, kaj kun ĉiuj kiuj kunlaboras kun li, sed kio interesas evidentigi ĉi tie: ilia delikata percepto, kaj ilia konsciiĝo, pri tio, kion la internacia lingvo reprezentas, el kio sekvis la helpo kiun ni ĉiam trovis tie.

Sed tio ankaŭ signifas, eĉ se ne rekte, ke la laboro realigita de la Hispana Esperanto-Federacio, antaŭ en-kaj post la Universala Kongreso, donas sian frukton. Tion silenti estus falsa modesteco. Ni do esprimu, kune kun nia plej granda danko al la Ministra Moŝto S-ro Manuel Fraga Iribarne, kaj al liaj plej intimaj kunlaborantoj, la kontentigon kiun ĉiam vekas en niaj konsciencoj la sento pri plenumita devo.

H. E. F.

# 60-JARA ORGANIZO DE ESPERANTISTAJ FERVOJISTOJ

Per jubilea broŝuro la internacia organizo de Esperanton parolantaj pervojistoj memorigas pri sia sesdekjara historio. Ĝi estas tre varia kiel tiu de ĉiuj analogaj unuiĝoj, ĉar dufoje post detruaj militoj devis esti rekomencita. Hodiaŭ la federacio estas unu el la plej bone organizitaj kaj plej viglaj fakaj unuiĝoj, kiuj uzas ekskluzive la internacian lingvon. Ĝiaj ekde 1949 ĉiujare organizitaj kongresoj havigas al la partoprenantoj dank' al la vizitoj kaj prelegoj, profesie multvalorajn konojn kaj multajn personajn kontaktojn, ĉar ĉi tie oni ne bezonas tradukistojn. La kongreso de 1968 okazis en Varna kun 820 partoprenantoj el 22 landoj. La federacio nombras 2.580 membrojn, kiujn ligas gazeto "La Internacia Fervojisto". La Internacia Esperanto Fervojista Federacio aŭ ĝiaj landaj organizoj sukcesis ĉiam denove akiri oficialan agnoskon ĉe la kompetentaj administracioj, ĉu per egalaj rajtoj al Esperanto kiel al aliaj lingvoj, ĉu per kompenso al fervojistoj kun lingvoscioj, ĉu per subvencio por kursoj, aŭ per enpresigo de Esperantaj klarigoj en la oficialajn horarojn, k.s.

La Federacio estas gvidata de 5-kapa internacia estraro. Al ĝi apartenas membroj el Germanujo, Jugoslavujo, Norvegujo kaj Svisujo.

# NUEVA DIRECTIVA DE H. E. F. A - SECCION DE H. E. F.

Habiendo sido nombrado Presidente de la Sección de Ferroviarios esperantistas españoles don Ramón Giménez Felíu, la nueva Directiva de esta sección ha quedado constituida por los siguientes señores:

Presidente, don Ramón Giménez Felíu, Barcelona; Vicepresidente, don José Oliveras Masagué, Barcelona; Secretario, don José Cerezo Pérez, Cornellá; Vicesecretario, don José Margalef Nadal, Premiá de Mar; Tesorero, don José Saladrigas Escofet, Badalona; Komitatano A, don Rafael Devís Pascual, Barcelona; Komitatano B, don Carlos Virumbrales Carcedo, Barcelona; Redactor, don José Cerezo Pérez, Cornellá; Vocal A, don Antonio Garzón Urbano, Barcelona; Vocal B, don Jesús Zarco Ortiz, Martorell; Vocal C, don José María del Pié Hernández, Barcelona.

# IIª ASAMBLEA ESPERANTISTA PROVINCIAL EN GERONA

Si nos pusiéramos a buscar pruebas de la íntima relación existente entre el Esperantismo y la camaradería o la amistad, sin lugar a dudas hallaríamos muchas, porque, yo creo, que el esperantismo es esencialmente fraternidad. Recientemente viví personalmente una de estas pruebas con motivo de mi modesta intervención en la organización en Gerona de la "II-a GERONA PROVINCA RENKONTIĜO".

Es en la organización de actos así cuando uno se da cuenta de si, realmente, existe comunión de ideas y espíritu de hermandad entre los que dicen tener un mismo ideal o una misma afición. Organizar una asamblea provincial contando con una docena escasa de esperantistas en la provincia, no es ciertamente una cosa fácil, si no se tiene una gran confianza en el espíritu esencial del movimiento esperantista.

La primera asamblea provincial, celebrada en octubre del 67, fue motivada por el deseo de conocernos los de la provincia, y entrar en contacto con otros de la región Podemos decir que fue el primer paso del renacimiento del esperantismo en nuestra provincia. En esta segunda asamblea interesaba especialmente la divulgación del Esperanto, dar a conocer su existencia y mantener viva la llama encendida en la asamblea anterior. En este sentido, los organizadores nos hemos de sentir muy satisfechos, a la par que agradecidos, por la gran ayuda y colaboración que nos han prestado de la Federación Española, así como de la asistencia de todos cuantos nos acompañaron en los diversos actos.

Hemos de destacar la presencia de nuestro Presidente, Dr. Sancho Izquierdo, quien compartió la presidencia con el Ilmo. Sr. D. Félix de Ayala, Delegado provincial del Ministerio de Información y Turismo, señora de Ayala, y la señorita Inés Gastón, nuestra admirable secretaria de la Federación, siempre tan dinámica y dispuesta a sacrificarse y a trabajar en pro del ideal esperantista.

A las once de la mañana, en la estupenda sala de conferencias de la Casa de la Cultura, tuvo lugar la apertura de la asamblea con unas palabras de salutación y de bienvenida, dirigidas a los asistentes, que llenaban casi totalmente la sala, por el samideano señor Joaquín Geli, destacado esperantista gerundense. Seguidamente, el señor Giordano Moya hizo una estupenda e interesante disertación bajo el tema: "Esperantismo y el mundo actual", poniendo de relieve, de una manera magistral, la necesidad palpitante que tiene la humanidad, del ideal esperantista, para conseguir un mayor amor, un mayor entendimiento y una más justa paz. Los que han tenido la oportunidad de escuchar alguna charla o conferencia del señor Moya, saben que es hombre de gran agudeza. Sabe captar la esencia del problema, y, sobre todo, sabe transmitir esta vibración al oyente, cuya atención mantiene en todo momento. Estas cualidades, unidas a sus extensos conocimientos de Esperanto, motivaron la larga salva de aplausos que cerró su charla.

La clausura de la conferencia corrió a cargo del señor doctor Sancho Izquierdo, Presidente de la Federación Española de Esperanto, quien tras saludar al señor Delegado de Información y Turismo, y a los asistentes, pero de una manera muy especial a la nutrida representación de esperantistas franceses, que nos honraron con su presencia, se dirigió a los asistentes no esperantistas, y a aquellos que justamente ahora han empezado a aprender la Lengua Internacional, explicando de una manera paternal y amena, elocuente y sincera, qué es el Esperanto, su introducción en España, sus vicisitudes, su desenvolvimiento actual, haciendo especial mención a la humanitaria labor realizada en el transcurso de la primera Guerra Mundial, trayendo a España niños procedentes de Austria.

La segunda parte de la Renkontiĝo, podríamos decir la parte festiva o gastronómica, tuvo lugar en Bañolas, la hermosa ciudad del Lago.

Después de hacer una pequeña excursión en los alrededores del lago, y una visita al magnífico santuario de Porqueres, uno de los monumentos románicos más bellos de la provincia de Gerona, se celebró la comida de hermandad, en el restaurante del Club Náutico, en la misma orilla del lago, en la que tomaron parte unos cien comensales.

Para dar un buen remate a la jornada, se visitó los museos Arqueológico y de Ciencias Naturales, ambos de Bañolas, acompañados por el señor Delegado de Cultura del Ayuntamiento de dicha ciudad, y otro Concejal, quienes muy gentilmente nos fueron mostrando y explicando las diferentes piezas contenidas en dichos museos. Cabe destacar aquí que pudimos presenciar piezas insólitas, como por ejemplo, una reproducción de la famosa mandíbula de Bañolas, las pieles humanas (una de hombre y otra de mujer) curtidas, un ser humano disecado y una extensa colección de momias mayas y egipcias.

Después de hacer este breve resumen de los actos celebrados con motivo de la "II-a Gerona Provinca Renkontiĝo", quisiera poder describir la emoción y la alegría de los organizadores, motivadas por la presencia de nuestro querido señor Presidente, entre nosotros, en tal jornada, por la asistencia también de la señorita Inés, el sacrificio de los cuales reconocemos sinceramente, y por la asistencia también de tantos samideanos españoles y franceses, pero esto es para mí una labor muy superior a mis facultades y no voy siquiera a intentarlo. Solamente deseo dar a todos nuestras más expresivas gracias y desear que en el presente año 1969 vaya creciendo un poquitín la labor que hemos sembrado.

**José Masías**



# LA KRIZO DE NIA TEMPO KAJ ESPERANTO

*Prelego de Sro. G. Moya en Gerona*

Sinjorinoj, sinjoroj, geamikoj: Hodiaŭ ni parolos pri temo, kiu rekte rilatas kun la lingvo esperanto. Tiu temo estas LA KRIZO DE NIA TEMPO. Sed antaŭ ol disvolvi la temon ni traktos, en ĝeneralaj trajtoj, pri la utilo de esperanto.

Estas fakto, ke en la mondo oni parolas multajn lingvojn. Oni povas bedaŭri la ekzistadon de tiom da lingvoj, sed multlingveco estas historia fakto. La elementaj lingvoj naskiĝis dum la pratempo en primitivaj socioj kaj evoluis laŭ la diversaj tendencoj de la sinsekvaj kulturoj kaj historiaj okazaĵoj. En periodoj kiel la Roma Imperio unu lingvo, la latino, disvastiĝis tra la tiamaj de Romo civilizitaj landoj. En alia epoko kun karaktero de socia disiĝo, kiel la mezepoko, kiam la Roma Imperio disiĝis en malgrandajn ŝtatojn la latina lingvo ruiniĝis kaj ĝin anstataŭis la naskiĝantaj naciaj idiomoj. Pro kio fariĝis tia evoluo? La izoliteco de unuj gentoj je aliaj. La manko de rilatoj.

Lingvo estas kultura trezoro enradikita en la tradicio. En la dialektoj la tradicio estas la unika konservanto. En la kulturaj lingvoj, krom la tradicia parolo, la literaturo estas la ĉefa gardanto kaj la faktoro de lingva stabileco.

En epokoj de la historio de socia disiĝo la lingvoj evoluas kun tendenco disiĝi en plurajn lingvojn. En epokoj de socia unuiĝo kelkaj lingvoj disvastiĝas dum aliaj disfalas aŭ restas en dialektoj. Lingvo estas kultura kaj socia fenomeno kaj el tiu vidpunkto oni devas ĝin komenti.

Nia epoko estas tempo de socia unuiĝo. Neniam antaŭe ekzistis tiel amasaj migradoj kiel nun. La turismo estas moderna socia fenomeno. Ankaŭ la komercaj rilatoj neniam antaŭe havis tiel imponan volumenon kiel nun kaj pri kulturo, scienco kaj tekniko, ili jam estas tutmondaj. Tiuj turismaj, komercaj kaj sciencaj rilatoj, se nia civilizo sukcesas solvi siajn internajn malsanojn, kreskos kaj plue kreskos. Ni ne povas konjekti, ke la hodiaŭaj homaj interrilatoj malpliiĝos, ĉar tiu malpliiĝo estus retroiri en civilizo kaj kulturo.

Kian influon havas la nunaj historiaj kaj sociaj faktoj en la evoluo de la lingvoj? Unu tendenco estas la volo de ĉiu grandaj potencoj trudi sian idiomon en la internaciaj rilatoj al la malgrandaj ŝtatoj. Alia tendenco estas la miksiĝado de la idiomoj. Vortoj de unu idiomo miksiĝas kun aliaj. Estas la barbarismo, kiu ruinigas ĉiujn idiomojn en ĵargonojn. Estas la disfalo de la nunaj kulturitaj idiomoj en ĥaosan miksaĵon de vortoj sen gramatiko, kvazaŭ primitivaj dialektoj kun nenia literatura kaj kultura kapableco.

Neniu el la du tendencoj de la lingva evoluo estas konvena. Se la entrudiĝo de la idiomoj de kelkaj grandaj potencoj estas maljustaĵo por la malgrandaj popoloj, la ruiniĝo de la kulturitaj idiomoj en ĵargonoj; la lingva

ĥaoso estas kultura disfalo, ĉar tiuj jargonoj ne estas rimedo por la internaciaj rilatoj. *Kion fari?*

Ne estas alia solvo krom la disvastiĝo de tutmonda helpa lingvo, kiu havu du kondiĉojn: neŭtraleco kaj taŭgeco. Tiujn kondiĉojn enhavas la lingvo esperanto. Ĝi ne estas propraĵo de iu ajn nacio kaj estas taŭga por ĉiaj homaj kaj kulturaj interrilatoj kaj krome, estas facile lernebla, simpla en sia strukturo kaj ne estas artifikaĵo.

La lingvo esperanto havas la saman strukturon, kiel la tradiciaj lingvoj. La radikoj estas eltiritaj el ekzistantaj lingvoj kaj la gramatiko raciigita, ĉar la reguloj estas sen esceptoj.

La naciaj lingvoj ne estas io tute natura. Nur la interjekciaj ekkrioj, la rido kaj la ploro estas naturaj. Oni ne devas ilin lerni. Denaske oni scias fari tion.

Ĉiu lingvo estas kultura havo. La naciaj lingvoj estas kreaĵo de la tradicio, la gramatikistoj kaj la literaturistoj. La lingvo esperanto similas la aliajn per la radikoj, kiuj estas eltiritaj el la tradiciaj lingvoj, kaj per la strukturo, ĉar ĝi estas la sama. Zamenhof, kiel gramatikisto, kompilis la vortaron kaj raciigis la gramatikon kaj pri la literaturistoj de esperanto, ili jam kreis vastan kaj altnivelan literaturon. La lingvo esperanto nun havas sufiĉan vivantecon por ludi la rolon de lingvo tutmonda.

La utilo de esperanto estas grandega kaj okulfrapa. Tamen se ni propragandas esperanton laŭ la vidpunkto de nura utilo oni povas respondi al ni, ke tia propagando estas nekonvinka. Ĉar pri turismo oni povas respondi, ke ne ĉiuj estas sufiĉe riĉaj por ofte vojaĝi eksterlanden. Aŭ, ke riĉulo ĉie povas renkonti salajritajn interpretistojn. Pri komercaj rilatoj oni povas respondi, ke lia komerco estas urba aŭ nacia kaj okaze de internacia komercisto, ke ne mankas al li tradukistoj. Pri kulturaj rilatoj li povas diri al ni, ke estas tiel granda kvanto da libroj, originalaj kaj tradukitaj, en lia gepatra aŭ nacia lingvo, ke estas neeble legi aŭ lerni eĉ unu milonon el ĝi.

La utilo de esperanto estas impona sed utilo rilatas kun ĉiu persono kiel privata afero. Esperanto estas lingvo kaj ankaŭ nova sento, ĉar esperanto enhavas internan ideon. Laŭ tiu vidpunkto oni devas lerni kaj uzi esperanton, ne pro nura utilo sed pro morala devo. Morala devo de ĉiu persono.

En rilato kun la interna ideo de esperanto ni traktos pri: La Krizo de Nia Tempo.

Kio estas la krizo de nia tempo? Unue por povi bone kompreni tion, kio estas la krizo de nia tempo estas konvene klarigi tion, kio estas socia krizo.

Kiam en evoluo de socio pro la ŝanĝiĝo de la sociaj kaj ekonomiaj kondiĉoj, kaj de la ĝenerala penso oni rapide alvenas al tute novaj cirkonstancoj, kiuj neniam antaŭe ekzistis, tiu socio nepre trapasas krizan tempon, ĉar ne estas precedenco por solvi la novajn prezentitajn sociajn problemojn. Oni ne povas peti helpon al la tradicio, ĉar similaj problemoj neniam ekzistis. Oni ne povas esti gvidata de la komuna saĝo, ĉar estante en tute novaj cirkonstancoj, la komuna saĝo ne kapablas alporti solvojn. La komuna saĝo devenas de la akumuliĝintaj spertoj de la pasinteco, sed pasintaj spertoj en tempo de krizo ne servas por neatenditaj novaj problemoj.

Ekzemple: La nunaj problemoj pri la aŭtomobila trafiko. Oni ne povas solvi la aktualajn problemojn de la aŭtomobila trafiko rigardante similajn problemojn en la pasinteco de aliaj jarcentoj. La nunaj problemoj de la aŭtomobila trafiko ne ekzistis en tiu pasinteco. Tiam ili estis eĉ neimageblaj, ĉar ne ekzistis aŭtomobiloj.

Nun oni estas devigata inventi solvojn por problemoj neniam prezentitaj. Tiuj problemoj de la aŭtomobila trafiko teorie estas facile solveblaj, ĉar estas afero palpebla, videbla kaj por ĉiu komprenebla. Sed pri novaj sociaj problemoj la afero komplikiĝas. Malsamaj estas la opinioj kaj la interesoj, kaj tio plej grava, la plej multo el la personoj, por eviti pensopenojn aŭ kapdolorojn, per distraĵoj kaj tempopasigiloj intencas forgesi, ke tiuj problemoj ekzistas; kaj forgesi la problemojn ne estas solvi ilin. En tio precize kuŝas la graveco de la krizo de nia tempo.

Regas ĝenerala malorientiĝo pri sociaj problemoj, oni drivas kaj per drivado oni ne povas alveni al iu ajn konvena celo. Kontraŭe, drivado estas rekta vojo al ruiniĝo.

Kia estas, en larĝaj trajtoj, la karaktero de la nunaj homaraj problemoj? Okulfrape videbla estas la impona progreso de la scienco kaj tekniko en la pasinta kaj nuna jarcentoj. En

tiu tempo naskiĝis la granda industrio kaj vasta komerco; la tuta mondo estis tranĉata por konstrui fervojojn kaj ŝoseojn. La kamparana vivo de la vilaĝoj kaj la metia laborado transiris en grandajn urbegojn kaj en vastan meĥanikan industrion kaj estas konjektebla la baldaŭa anstataŭiĝo de la meĥanika industrio per la aŭtomata. En la plej granda parto de la mondo alvenis la moderna vivo kaj en tiuj landoj, kiuj ankoraŭ estas ankritaj en la pasinteco, oni revas pri ĝi. La plimulto de la homoj loĝas en urbegoj, la vivnivelo altiĝis, sed la trankvileco de la vivado jam eksmodiĝis, ĉiu estas pelata al la turniĝo de la moderna vivo. Pli kaj pli da konsumado, kaj pli kaj pli da produktado. Impona komerca propagando instigas nin al pli multekosta konsumado, ĝis oni ne povas ĝin akiri. En la momento kiam la vivnivelo estas pli alta ol en iu ajn alia tempo de la historio la homoj sentas sin malriĉaj, ĉar neniam ekzistis tiel granda distanco ekde la materialaj atingaĵoj ĝis la deziroj. Neniam la homoj loĝis amase tiel dense unuj apud la aliaj. Domegoj el multaj etaĝoj kun multaj apartamentoj, kiuj similus je homaj abelujoj. Homaj abelujoj; homamaso; sed homa izoliteco: *La homoj sentas sin fremdaj unuj de la aliaj, ne ekzistas frateco, ĉie regas konkurado: Homa konkurado, komerca konkurado, industria konkurado, konkurado inter la ŝtatoj.*

La Mondo malgrandiĝis. En kelkaj horoj per aviono oni povas transiri de unu kontinento en alian. La granda komerco, la granda industrio, la potenco de la bankoj fariĝis tutmonda. *Materie la Mondo havas tendencon al unuiĝo sed morale disiĝas.* Tia estas la karaktero de la krizo de nia tempo.

*Ĉie kruda konkurado kaj ne helpemo.* Sed la konkurado disigas. Disigas la homojn kaj disigas la ŝtatojn. *Parto de la homaro vivas en abundeco dum alia parto malsatas. La grandaj potencoj kreske armas sin. La popoloj financas la armadon kaj la laboristoj amase fabrikas armilojn.* Estas ĝenerala konkurado kaj dum ĝi ne malaperos ne estas alia rimedo ol armi sin. *Armiĝi per sciencaj armiloj. Timigi la kontraŭulon per supera tekniko de detruado. Laŭŝajne oni volas atingi la Lunon, fakte timigi la kontraŭulon kaj per tiu konkurado oni elspezas milionojn kaj milionojn ĝis... Ĝis en iu evento eksplodos ĝenerala ekstermado.*

Se la scienca progreso ne estas akompanata de adekvata morala progreso stariĝas socia malekvilibro, kaj tiu malekvilibro devas esti pagata *je la kosto de detruiĝo de tiu granda moderna socia konstruaĵo* al kiu mankas *firma fundamento.*

Ne esperu, ke la nuraj ekonomiaj kondiĉoj, ke la irado mem de la konkurado, ke la milita minaco povos solvi la *krizon.* La krizo pli kaj pli akriĝos la simpla ŝajna ignorado. *Nek* ĝos. Ankaŭ ne solvos la krizon la simpla ŝajna ignorado. *Nek amasa distriĝemo, nek tempopasigiloj, nek morala ĥaoso* povas anstataŭi la *agadon por fratigi la homojn. Neniam, neniu pasiveco povas anstataŭi aktivecon.*

Pro modesteco ni povas konsideri nin sensignifaj kaj certe ni individue estas tiaj, sed same, kiel maro estas gutaro, la homaro konsistas el *homoj. Ni ĉiuj* estas la homara grundo, kaj nur en fekunda grundo povas kreski la *adekvataj tutmondaj institucioj,* kiuj iam *povos firmigi la pacon.*

Antaŭ la dua tutmonda milito la Societo de Nacioj frakasiĝis. La nuna ekzemplo de la Unuigitaj Nacioj ne estas promesplena. Anstataŭ kreski, la internacia organizaĵo velkas. La grundo sur kiu, tiu internacia institucio estas plantita estas mizera kaj sterila. *Ni homoj ankoraŭ estas tiaj.*

Nia epoko historie komenciĝis kiam estis proklamita tiu trilogio: *libereco, egaleco* kaj *frateco.*

La pasintan jarcenton karakterizas la magio de la vorto libereco. Homoj kaj popoloj luktas por ĝi, sed ofte forgesas, ke libereco ne estas vivipova sen respondeco. Libereco ne estas, ke ĉiu faru, kion ajn kaprice volas, sed ke per propra volo oni faru tion, kio konvenas. Multfoje la diferenco inter libereco kaj mallibereco ne estas alia ol tio, ke konscia homo kondutas kaj agas libere tiel, kiel nekonsciaj estas devigataj fari la samon. Libereco estas konsciiĝo: tiel same, kiel infano atingas la rajtojn kaj la devojn kun la elkresko kaj la maturiĝo. Multfoje homoj kondutas infane kaj tiam malliberaj situacioj estas pravigitaj kiel necesaj kaj oni ĝenerale akceptas *ilin, kiel neeviteblan malgrandan malbonon.* Tia estas la fluktuado inter libereco kaj mallibereco tra la moderna epoko. Ofte la forta penado kaj la troa sango elverŝita *fiaskis, pro tio, ke oni forgesas, ke libereco konsistas el la res-*

*pekto al la homa personeco kaj tiu respekto estas kontraŭa al ĉia trudo kaj perforto, eĉ popola.*

Nia jarcento ĝis nun havis la karakteron de vigla revo por la egaleco. Por ĝi ankaŭ abunde oni elverŝis *sangon* sed la rikolto estas *mizera*. Neniel la envio kaj la malamo estas konstruemaj fortoj.

La revo pri la libereco en multaj homoj velkis kaj ĝin anstataŭis, tiu de la egaleco. Sed tiu revo por la egaleco *naskiĝis lame. Neniu homo estas tiel malriĉa,* ke ne *estas aliaj* pli *malriĉaj ol li,* kaj *oni, en ĉiuj cirkonstancoj,* sonoj mortas pro malsato, sed, oni nur povas praktiki la revon pri egaleco disbedaŭras tion kaj preskaŭ neniu sin movas por helpi ilin. *La tuta vero es*donante proprajôn al tiuj, kiuj ĝin bezonas. En diversaj landoj multaj per*tas, ke ni estas indiferentaj por la aliula sufero kaj la egoismo maskita de egaleco estas ne fruktodona.*

*Kio plej mankas en la nuna mondo?* Mankas frateco. El tiuj tri revoj: *libereco, egaleco kaj frateco,* frateco estas la plej *neglektata.*

Ĝis nun *por* kaj *pro* la libereco abunde homa sango estis verŝita. Ĝis nun *por* kaj *pro* la egaleco plimulte da sango elfluis. *Pri la frateco...* Ĝi ankoraŭ estas revo de poetoj kaj kelkaj aliaj personoj, *sed la homamaso ne movas sin por tia revo.* Sed, *kiel povas esti solvita la krizo de nia tempo?* La mondo materie unuiĝas, la komunikiloj estas *tiel rapidaj, ke nia mondo estas jam unu lando.* Sed nia socio restas *disigita.* La konkurado regas *ĉie*: konkurado inter personoj, konkurado inter ŝtatoj. *Ĉiu individua homo nur zorgas pri si mem.* Pro tiu fakto *ne prosperas nun la esperantismo, ĉar ne renkontas adekvatan grundon. Sed la monda krizo antaŭeniras ĉiufoje pli danĝera inter la amasa indiferenco.* La homamaso kondutas infane kaj per *distraĵoj* kaj *tempopasigiloj* volas forgesi *la realan fakton* de nia mondo: La teruran konkuradon, kiu armadas la grandajn potencojn per tiaj modernaj armiloj, *ke estas minaco, unuafoja minaco en la tuta historio, ke la homaro detruu sin mem. Tuta la agado kaj revoj pri libereco kaj egaleco, la tuta progreso de la scienco kaj la tekniko, ĉio entute estus sensignifa se fine nur devus alporti la detruadon de la homaro. Oni devas haltigi tiun teruran procezon,* sed por ĝin haltigi oni *ne povas uzi la perforton, ĝi ne taŭgas.* Ankaŭ ne servas verŝi sangon, tio estas malutila. Nur povas esti *efika rimedo, la frateco, la homamo kaj la altruismo,* ĉar la vere efika kuracilo por savi la homaron de la nuna krizo estas, ke la homaj aroj fariĝu *homaro.*

*Esperanto, tutmonda helpa lingvo estas la ilo por tiu universala spirita movado por la frateco.*

Zamenhof kreis la lingvon esperanto por tiu frateca agado, kiun li nomis La Interna Ideo de Esperanto. Sed nun, *la esperantistoj miksite en la komunaj sociaj cirkonstancoj* iom *neglektis ĝin* kaj nia movado, *sen la impeto de spirita forto, preskaŭ stagnas.*

*Esperanto taŭgas por la turismo,* sed internacia turismo estas tro multekosta por ne riĉaj, kaj riĉuloj ne bezonas ĝin. *Esperanto estas taŭga por la internacia komerco,* sed malmultaj estas la internaciaj komercistoj kaj al ili ne mankas tradukistoj. *Ni devas lerni kaj uzi esperanton ne por materiala profito,* sed *pro devo. La sento de frateco interesas aŭ devas interesi ĉiujn. Ĝi devas nepre interesi ĉiujn, ĉar al la krizo de nia tempo ne estas alia elirejo. Alvenis jam la tempo, ke frateco estu la plej forta sento de ĉiu homo kaj esperanto la ilo por ĝin disvastigi ĉien, tra ĉiuj limoj. Kiel la unuaj kristanoj malsupreniris en la arenon de cirko por deteni la homan buĉadon, ankaŭ ni devas malsupreniri en la arenon de la Mondo por deteni la minacon de amasa buĉado proklamante, ke ĉiuj homoj estas fratoj kaj tion per lingvo por ĉiu kaj ĉie komprenebla: la lingvo esperanto.*

Novembro, 1968.

*GIORDANO MOYA*

---

Esperanto-Grupo Moyá komencis antaŭ kelkaj semajnoj esperanto-kurson en kiu tre aktive partoprenas 25 gejunuloj.

Oni intencas okazigi LETERVESPERON por instigi la novajn geesperantistojn.

E. Grasa

La makromolekulaj substancoj konsistigas nuntempe unu el la plej vastaj kaj interesaj kampoj de la nova ĥemio. La plastoj kaj artefaritaj fibroj estas bona elmontro de ilia graveco.

De la jaro 1930-a ĝis hodiaŭ, per la studoj de Staudinger pri makromolekuloj, oni eltrovis serion da tre interesaj produktoj inter kiuj estas la vinilaj rezinoj, polietileno, poliestireno, polipropileno, fenolaj rezinoj, aminaj rezinoj, poliesteroj kaj celulozaj kaj akrilaj produktoj. Iliaj ecoj estas ege diversaj, pro kio ili invadas ĉiun aspekton de la aktuala vivo.

En la ĥemia kaj similaj industrioj oni instalis milionojn da kilometroj da tubo el polipropileno, pro ĝia rezisto al varmo, al ĥemiaj substancoj kaj korodo. En Hispanujo —lando precipe agrokultura— ĝi estas uzata por konstrui retojn por olivrikoltado, fabrikado de ĉia entenujo kaj por ŝirmiloj de produktaĵoj. Ankaŭ ĝi estas uzata por la konstruado de kanaletoj por irigado ĉar ĝi rezistas la veteraĵojn pro la enmiksitaj kontraŭaktinoj.

La esploroj kaj plibonigo de plasto ne ĉesas, kaj pruvas ĝian enmerkatiĝon la pligrandigo de produktado, kiu, de 1.500.000 Tm. en jaro 1950-a, altiĝis ĝis 11.600.000 Tm. en jaro 1965-a, kaj oni antaŭvidas por la jaro 1970-a, 19.000.000 da Tm.

Oni uzas ankaŭ anstataŭ lado, plastajn materialojn malpli kostajn kaj malpli pezajn por aŭtomobilkorpoj kaj por maŝineroj suferantaj fortefikojn kaj temperaturvariojn (hejtadcirkvito, ventolilo, k.t.p.).

La meblara industrio ankaŭ aplikadas plaston kaj kreas novajn meblojn nepezajn sed tamen fortikajn, kaj produktas novajn konsiston, aspekton kaj koloron.

El tiuj ĉi detaloj ni deduktas, ke la malkovro de novaj materialoj multe influas la morojn de la homoj kaj ŝanĝas iom post iom iliajn gustojn kaj kutiman vivadon.

# GRAMATIKAĴOJ

## Lupea rigardo tra P. V.

ERARI — Ĉe ĉi tiu vorto oni trovas la ekzemplon: "La Papo estas neerarema pri la dogmo".

La ideo ne estas ĝuste esprimita: Neerarema signifas strikte "kiu ne inklinas aŭ ne kutimas erari"; sed tio ja apartenas al la Papo kaj al kiu ajn sufiĉe klera persono kaj pri dogmo kaj pri kalkulo de ŝafoj.

Laŭ la katolika doktrino, la nepoveco erari de la Papo estas ĝuste tio: erarnepoveco aŭ pli mallonge neerareco; do "la Papo (en certaj kondiĉoj) estas neerara pri la dogmo"

SERĈULO

## Niaj Grupoj

Dum la ĵus pasinta jaro, du novaj klubaj bultenoj aperis en Hispanujo.

Unue aperis tiu eldonita de Klubo de Amikoj de UNESCO, Esperanto-Fako de Barcelona. Ĝi konsistas el unu nura folio sed tial ke ĝi estas monata, krom tre interesa ĝi estas tre utila, tiamaniere ni ĉiam havas freŝdatajn informojn pri la vivo de la Klubo kaj por la klubanoj ĝi estas tre bona ligilo.

VALENCIA LUNO estas la nomo de la alia bulteno. Bela desegno akompanas la titolon. Ni devas gratuli al S-ano Monleón kiel artisto kaj al la Grupo de Valencia, kiu tiel bele povis enkapigi sian revueton; ankaŭ ni devas gratuli al la Grupo pro la Redaktoro. La revuo estas tre simpatia kaj tre necesa kiel ligilo inter la esperantistoj en grandaj urboj kia estas Valencia —kie ekzistas nur unu Grupo de Esperanto.

Unu plian fojon ni alvenis al la momento raporti pri la okazintaj solenaĵoj okaze de la Tago de Zamenhof.

Ni ricevis kelkajn artikoletojn raportantajn pri la maniero, kiel oni solenis kaj festis la datrevenon de la Majstro en diversaj Grupoj; artikoletoj, kiujn ni publikigas por pli fidele informi vin:

## BARCELONA

## *KLUBO DE AMIKOJ DE UNESKO*



Niaj samideanoj el Barcelono pozas antaŭ la Libro Ekspozicio

La pasintan sabaton, 21-an de decembro, tiel, kiel jam anoncite, okazis en la Klubo, eksterordinara kunveno, memore al la 109-a datreveno de la naskiĝo de D-ro L. L. ZAMENHOF. Ero de tiu festo, estis prezentado de ampleksa libro-ekspozicio, kie inter multaj kaj gravaj verkoj oni povis foliumi la tutan "Serio Oriento-Okcidento", eldonita sub aŭspicioj de U.E.A. en konsultaj rilatoj kun UNESCO.

Profesoro J. Anglada, malfermis la kunsidon, kaj prezentis la prelegantojn.

La Prezidanto de la Klubo, D-ro J. Serra-Ráfols, per vortoj kiuj forte frapis la atenton de la esperantistoj kaj ne esperantistoj, klare diris, ke nuntempe, la sola ebla solvo por internacia interkompreniĝo, estas Esperanto, ĉar ĝi jam dum 80 jaroj de daŭra kaj sukcesa uzado, sufiĉe bone montris sian taŭgecon; ĝi estas neŭtrala, facila por ĉiuj kaj ĉies propraĵo.



Parto de la Prezida tablo dum prelego de Sro. J. Aragay

 

Profesoro J. Aragay, prelegis pri: "Influencia del Esperanto sobre la Cultura". Li tre bone rimarkigis, la grandan rolon de Esperanto jam en la infana instruado. Li ankaŭ donis plurajn ekzemplojn de la nuna sistemo, kiu montras, krom la malfacilaĵoj por bona interkompreniĝo, la grandajn kostojn, kiujn okazigas la plurlingvismo, pro bezono de interpretistoj kaj multlingvaj tradukaĵoj.

Sekve, nia poeto F. Vilá, deklamis kelkajn poeziojn, katalune kaj esperante, kiuj pro la belsoneco de Esperanto kaj de la fleksia voĉo de la poeto, entuziasmigis la kunsidantojn.

Fine, fermis la kunsidon, Vic-prezidanto S-ro J. Serrat i Gasulla. Li rimarkigis la gravan taskon, plenumotan de la Esperanta-Fako en la Klubo, kaj ke ĝi trovos ĉiam senkondiĉan helpon de la estraro. Li tre dankis al ĉiuj partoprenantoj, ĉar ilia ĉeesto ebligis la okazigon de tiel bela kaj emocia kunsido, memore al homo, kiu donis ĉion por la paco kaj interkompreniĝo de la Homaro.

Varmaj aplaŭdoj premiis ĉies intervenojn.

## BILBAO

La Grupo Esperantista de Bilbao festis la datrevenon laŭ jena programo:

**Sábado, día 14 de diciembre.** — A las 8 de la noche, conferencia en Esperanto, por nuestro asociado don Julio J. Juanes, sobre:

COMENTARIOS SOBRE EL 53.° CONGRESO INTERNACIONAL DE ESPERANTO, CELEBRADO EN MADRID

**Domingo, día 15 de diciembre.** — A las 10 de la mañana, Misa rezada en la iglesia-catedral del Señor Santiago.

A las once y cuarto de la mañana, en nuestro domicilio social, conferencia en Esperanto por nuestro asociado don Manuel Elezcano y Maiztegui, sobre:

MISCELANEA ESPERANTISTA.

A continuación la Polifónica Euskalduna de Bilbao, bajo la dirección de doña Julia García de Diego, interpretará un extraordinario programa de obras de:

MUSICA VASCA - MUSICA ESPERANTISTA - MUSICA DEL FOLKLORE ESPAÑOL.

A continuación tendrá lugar un aperitivo en honor de los socios y familiares.

Y seguidamente los socios que lo deseen podrán reunirse para comer en un céntrico restaurante.

A las 6 de la tarde, en nuestro domicilio social:

GRAN BAILE FAMILIAR

**Lunes, día 16 de diciembre.** — A las 8 de la noche, conferencia en castellano, por nuestro asociado don Delfín Ronda Sánchez, sobre:

NECESIDAD DEL ENTUSIASMO

Y como final de los actos, se impusieron las estrellas de Esperanto a algunos de los alumnos del curso 1967/68 y se hará entrega de obsequios a destacados miembros del Grupo.

## MADRID

La Liceo Madrileño de Esperanto, laŭ tradicia kutimo, organizis vespermanĝon por rememorigi la datrevenon de la naskiĝo de nia Majstro D-ro ZAMENHOF. Ni kunvenis en centra kaj agrabla restoracio, kie regis frata amikeco.

Je la fino, kelkaj samideanoj parolis por laŭdi nian Majstron kaj honori lian memoron. Ankaŭ oni parolis pri Esperanto kaj pri la neceso pliampleksigi kursojn en kelkaj kvartaloj. La oratoroj estis longe aplaŭdataj.

**Ibáñez**

# LA ZAMENHOF FESTO EN SABADELL



Sro. Luis Serrano komentarias kolor-diapozitivojn pri Nederlando en «Colegio Mercantil»

Por digne rememorigi la 109-an datrevenon de la naskiĝo de D-ro Zamenhof, la loka societo "Centro de Esperanto Sabadell" okazigis, dum du intersekvaj dimanĉo —matenoj, kelkajn kulturajn aranĝojn, kio fariĝis motivo por vasta informado pri Esperanto tra la plej gravaj radiostacioj kaj ĵurnaloj de la Provinco Barcelono.

La 8-an de decembro oni prezentis en la grava lernejo Colegio Mercantil, kies Direktoro, S-ro Salas, afable disponigas salonon por Esperanto-kurso, projekcion el koloraj diapozitivoj pri Nederlando, kiuj estis lerte komentariataj en Esperanto de s-ano Luis Serrano, estrarano de "Centro de Esperanto Sabadell".

La 15-an de decembro, en la Aŭditorio de la Institucio CAMARA OFICIAL DE COMERCIO E INDUSTRIA de Sabadell, post bela prezentado de diapozitivoj pri la vivo de Zamenhof, okazis sub la titolo "POESIA CATALANA I ESPERANTISTA" interesplena prelego, kiun faris la laŭreata poeto en la lingvoj kataluna kaj Esperanto, s-ano Gabriel Mora Arana, de Manresa, atinginta la 2-an premion pri Originala Poezio en Esperanto, okaze de la nunjara konkurso de U.E.A. en Madrido.

Kun eleganta vervo kaj tre klara esprimmaniero, kiuj agrable surprizis ĉiujn, s-ano Mora Arana kompetente traktis la anoncitan temon kaj sukcesis tenadi la atenton de la publiko ĉeestanta en konsiderinda nombro. Lian disertacion cetere kompletigis, en oportunaj paŭzoj, brilstilaj intervenoj de s-anoj Llibert Puig kaj



S-ano Liberto Puig deklamante. Dekstre staranta Sro. Pedro Soler kiu funkciis kiel prezentanto

Francesc Vilá, kiuj respektive deklamis belajn poeziojn en la lingvoj kataluna kaj Esperanto.

Tuj sekve oni projekciis la Esperanto-parolatan filmon FIAT-125, TESTO, kiun oportune peris H.E.F. Tiu kolora filmo, trafe reklamanta la aŭtomobilojn de fama fabrikmarko, elokvente demonstras la grandajn perspektivojn, kiujn havus la aplikado de Esperanto en la komerca kampo.

Jam en la fino, s-ano Vilá, Sekretario por la Premio Comella-Bassols, publike anoncis, ke s-ano Giordano Moya atingis la unuan premion de la nunjara konkurso. La gajninton kaj la veteranon S-ro Chaler kiu spontanee diris laŭdajn vortojn por sia iama Esperanto-lernanto s-ano Moya, oni varme aplaŭdis.

Poste, en centra restoracio, okazis kunmanĝado meze de amikeca etoso, per kio finiĝis la aranĝoj organizitaj de la loka Esperanto-societo en memoro de D-ro Lazaro Ludoviko Zamenhof.

**Raportis VELUS**

## VALENCIA

La Zamenhof-tago estis celebrita en Valencia per diversaj agoj, kiuj reliefigis la gravecon, tiel de la datreveno kiel de la fervoro de la tieaj esperantistoj.

La 14-an de decembro, multenombraj esperantistoj kaj lernantoj de la kursoj de Esperanto aŭskultis prelegeton de D-ro R. Herrero, pri "Zamenhof kaj lia verkaro". Poste, en centra restoracio, sub la prezido de sam. J. Devís, Prezidanto de la Valencia Grupo, preskaŭ cento da esperantistoj kaj familianoj, festis, gaje, la datrevenon; je la fino, la Prezidanto alparolis, esperantlingve, la ĉeestantaron, emfazante la atingaĵojn de la giganta agado de Zamenhof, kaj rememorigis la belajn tagojn de la lasta kongreso en Madrido.

La 15-an, la katolikoj ĉeestis meson, dum kiu, la celebranta pastro avertis al la ĝenerala fidelularo, ke la diservo estis mendita de esperantistoj, kaj li formulis favorajn konsiderojn pri la lingvaj kaj moralaj celoj de Esperanto; do, ĝi estis tre taŭga propagando por la aŭskultantoj. Dum la meso, la infanĥoro, majstre direktata de Prof. Felikso Navarro, interpretis diversajn kantaĵojn, esperantlingve, kio estis, ankaŭ, tre efika por la informado de la ĉeestantoj.

Poste, la esperantistaro aliris la apudan straton D-ro Zamenhof, kaj laŭrekronis la bareliefon de la Fondinto. Dume, ĉiuj akompanis la infanĥoron, kantante "La Esperon".

Kiel kutime, jam de kelkaj jaroj, post la omaĝo al la figuro de D-ro Zamenhof, multaj sanideanoj aliris la urban tombejon, kaj surmetis laŭrobranĉeton sur la tombon de la mortintaj samideanoj kies steleo pruvas —per la stelo— la ĝistomban esperantistecon de la malaperinto.

Kiel lasta datrevena ago, Radio "La Voz de Levante", la dojena radiostacio por la elsendo de esperanta programo, disvastigis la signifon de la dato, tiamaniere ke, en la valencia regiono restas malmultaj personoj kiuj ne scias kio estas Esperanto, kaj kion ŝuldas la homaro al la saĝa kaj klerega D-ro Zamenhof.

---

## VALLADOLID

### FESTO OKAZE DE LA 109-a JARO DE LA NASKIĜO DE LA KREINTO DE LA INTERNACIA LINGVO

La Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid celebris diversmaniere la ĉijaran feston omaĝe al la genia D-ro L. L. Zamenhof.

La 13-an, vendredon, je la 8-a horo vespere kun ĉeesto de ĵurnalistoj de la tri lokaj ĵurnaloj kaj radio--parolisto de "Radio Popular de Valladolid" okazis gazetara konferenco en ĵus inaŭgurita kafejo. Kelkaj estraranoj de Fido kaj Espero, la profesoro de unu el la okazantaj kursoj S-ro Hernández kaj la fondinto de la Grupo S-ro Cantalapiedra informis pri la aranĝoj organizotaj kaj pri la aktivaĵoj de la Grupo.

La sabaton je la 8-a horo vespere, membroj kaj familianoj kunsidis en la sidejo de la Grupo por aŭskulti hispanlingvan prelegon pri "Evoluo de Esperanto". La preleganto, S-ro Angel Díez rakontis al ni kun elokventa kaj facila esprimmaniero, la evoluon de la Internacia Lingvo. Je la fino de lia interesa disertacio ĉiuj varme aplaŭdis lin.

Dimanĉon je la 12-a horo, ĉiuj ĉeestis Sanktan Meson en Preĝejo "Sankta Ana" antaŭ la altaro de la Dipatrino, Patronino de la urbo. Faris la Meson Pastro Jonás Castro (I.K.U.E. ano). Je la fino de la religiaĵo kaj post la kantado de la "Saluton, Reĝino", oni faris komunan foton. Poste ĉiuj en kamaradeca etoso gustumis aperitivon en la sidejo de la Grupo.

Fine 30 gesamideanoj ĉeestis fratan bankedon en unu el la Hoteloj de la urbo. Je la fino la Prezidanto stariĝis kaj tostis por la paco, la esperantismo kaj por la grupanoj. Kiam ni finis la manĝadon komenciĝis la kutimaj paroladetoj. S-ro Gamboa legis siajn jam kutimajn "Ripios kaj sekve parolis S-ro Cantalapiedra, S-ro Hernández, S-ino García kaj S-ro. Mauro López.

Tiamaniere "Fido kaj Espero" celebris la ĉijaran feston.

## INTERNACIA EKSPOZICIO PRI KRISTNASKO



Lia Ĉefepiskopa Moŝto de Valladolid vizitas la Esperanto Ekspozicion

Ankaŭ en kunligo kun la festoj okaze de la Tago de Zamenhof, la Grupo "Fido kaj Espero" de Valladolid aranĝis de la 16-a ĝis la 30-a de Decembro 1968-a en grava ekspoziciejo de la urbo, internacian ekspozicion pri kristnaskaj bildkartoj presitaj aŭ skribitaj en la internacia lingvo. Oni montris al la vizitantoj pli ol 300 bildkartojn el 20 landoj i.a. estis reprezentantaj Sovetunio, Ĉeĥoslovakujo, Japanujo, Francujo, Bulgarujo, Finlando, k.t.p. kiujn ni ricevis plejparte speciale por la ekspozicio. La celo de la ekspozicio estis montri kiel pere de ununura lingvo kiel Esperanto ni povas interŝanĝi bondezirojn kun la tuta mondo. La inaŭguro okazis kun la ĉeesto de la Ĉefepiskopo de la urbo. Dum la tagoj de la ekspozicio oni informis amplekse ĉiujn vizitantojn kaj oni disdonis pli ol 3.000 hispanlingvajn informilojn pri Esperanto.

**L. Hernández**

---

## ZARAGOZA

Kiel ĉiujare, kaj kiel ĉiujare ĉiam kun renovigita entuziasmo, la grupo FRATECO de Zaragoza, festis la datrevenon de la naskiĝo de nia Majstro. La programo konsistis el publika prelego kaj frata kunmanĝado en centra restoracio.

### PRELEGO DE NIA PREZIDANTO D-ro SANCHO IZQUIERDO

La 14-an decembro, vespere, en plen-plena salono de la "Real Sociedad Económica Aragonesa de Amigos del País", nia eminenta kaj nelacigebla Prezidanto Prof. D-ro Miguel Sancho Izquierdo prelegis pri la temo "La Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj la Lingva Diskriminacio".

Ĉijare, li diris, ni memorfestas du eventojn, la 20-an datrevenon de Universala Deklaracio de la Homaj Rajtoj, adoptita de la Unuiĝintaj Nacioj la 10-an de decembro 1948 kaj la Zamenhof-Tagon, kiun festas la esperantistoj en la tuta mondo la 15-an samamonate, tial, ĉijare ni dediĉos specialan atenton al konsidero de la homaj rajtoj lingvaj kaj kulturaj.

D-ro Sancho Izquierdo dividas la prelegon en du partoj.



Unue, li elmontras kiel preskaŭ ĉiuj garantiitaj rajtoj en diversaj Konstitucioj kaj fine en tiu Deklaracio de la Unuiĝintaj Nacioj, ĉar estas naturaj al la homo, ĉiam ekzistis kaj estis unuafoje rerajtigitaj de Kristanismo, kio ne malpliigas la valoron de tiuj diritaj Deklaracioj, kiuj alportante la rajtojn intence menciitajn al la kampo de la pozitiva Juro, donas al ili la apogon kaj protekton de la respektivaj Ŝtatoj kaj rilate al la Deklaracio, kiun nun ni memorfestas, la apogon de la Internacia Organizo.

En la dua parto la preleganto pritraktas konkrete la punkton lingvo kaj kulturo, pruvante kiel la lingva kaj kultura diskriminacio estas kontraŭa al la spirito de la dirita Deklaracio kaj eĉ al tiu de la Ĉarto de Unuiĝintaj Nacioj, kiu pruvas ke la Internacia Lingvo kreita de D-ro Zamenhof kiel politike neŭtrala ilo por interkomunikado inter la popoloj sen lingvaj imperiismoj, ne nur traktas respekteme, sed ankaŭ defendas la lingvojn de ĉiuj popoloj.

D-ro Sancho Izquierdo brile kaj majstre pritraktis ambaŭ punktojn kaj kiam li finis la prelegon varma aplaŭdado tondris, multajn gratulojn ricevis nia Prezidanto, ne nur de la samideanoj, sed de la neesperantista publiko, kaj ni ĉiuj ĝuis unufoje pli lian elokventecon, vastan kulturon kaj lertecon por prezenti skize sed tamen klare kaj kontentige la plej komplikajn temojn.

La 10-an de decembro, la ĵurnaloj kaj Radiostacioj de Zaragoza anoncis la prelegon, kiu poste estis tre favore komentita de ĉiuj. D-ro Sancho Izquierdo estis intervjuita por la radio, ne nur pri la temo de lia prelego, sed ĉefe pri Esperanto.

## TAGMANĜO OMAĜE AL FRATINOJ EMILIA KAJ INES GASTON

Tiel estis anoncita la ĉijara frata tagmanĝo de la Tago de Zamenhof. Dum la omaĝo al D-ro Sancho Izquierdo en Madrid, nia samideano Jaime Benito, anoncis ĉi tiun omaĝon al F-inoj Gastón, kaj anticipe donacis al ili arĝentan diplomon rememorigan.

La tagmanĝo okazis en centra restoracio, ĝoja kaj alte samideanamika etoso regis ĉiumomente. Je la fino, la Vicprezidanto de FRATECO S-ro José Andrés Aldana diris kelkajn vortojn por prezenti la decidon de FRATECO organizi ĉi tiujn omaĝojn, kaj klarigis kial ili deziris doni anticipe la arĝentan rememorigan diplomon al F-inoj Gastón, kiuj nun ricevis nome de FRATECO belan florbukedon.

Tuj sekve la Prezidanto de FRATECO D-ro Sancho Izquierdo dediĉis la omaĝon. Li diris, ni festis ĉijare la 60-an datrevenon de la fondo de FRATECO. Mi opinias ke post 60 jaroj de seninterrompa laboro de Grupo estas ĝiaj fondintoj kiuj meritas omaĝojn. Je ĉi tiu kazo, kvankam la fondintoj estis tri, pro morto de S-ro Montagut kaj profesia laboro de S-ro Benítez, restis nur, S-ro Emilio Gastón Ugarte kiel efektiva fondinto. Do, de kiam mi konis la decidon de FRATECO omaĝi min, mi min sentis ŝuldanto de tiu omaĝo al la fondintoj; tial, mi la omaĝon dediĉas ne nur al Emilia kaj Inés, sed al la tuta familio Gastón, kiu senlace laboradas de la komenco; unue, Ges-roj. Gastón, poste ili kun siaj gefiloj kaj nuntempe ankaŭ la genepoj apartenas al nia rondo.

Dro. Sancho Izquierdo kun Emilia kaj Inés Gastón en la Prezida tablo




Kompreneble, ĉiuj konsentis ke D-ro Sancho Izquierdo havas grandajn meritojn por ricevi la omaĝon ne nur de FRATECO, sed de la hispana esperantistaro.

Nome de familio Gastón, respondis al D-ro Sancho Izquierdo kaj al la Vicprezidanto de FRATECO, F-ino Emilia Gastón, kiu per emociitaj vortoj dankis la omaĝon kaj kuraĝigis ĉiujn pluraboradi.

F-ino Gastón ankaŭ dankis pro ilia ĉeesto al kelkaj neesperantistaj geamikoj kiuj deziris sumiĝi al la omaĝo kaj partoprenis la fratan tagmanĝon. En ilia nomo alparolis al la ĉeestantoj Inĝ. D-ro Juan Gómez Hernández.

Ĉiuj estis varme aplaŭdataj.

La 15-an, la taĝjurnaloj kaj Radio-stacioj de Zaragoza dediĉis komentojn kaj laŭdajn vortojn al la prelego de D-ro Sancho Izquierdo kaj al la Tago de Zamenhof.

Taĝjurnalo "El Noticiero" aperigis sub titolo "GENOCIDIO CULTURAL Y DERECHOS DEL HOMBRE. Resumen y traducción de un artículo del Prof. Dr. Ivo Lapenna" tre interesan artikolon de D-ro Miguel Sancho Izquierdo. Tiu artikolo estis dissendita pere de Agentejo al diversaj taĝjurnaloj de la lando.

**Fratecano**

## ALVOKO

Hungara Esperanto-Asocio organizos Internacian Esperanto-Ekspozicion de Infandesegnoj inter la 24-a de majo kaj la 15-a de junio 1969 en BUDAPEŜTO.

La ekspozicion povas partopreni ĉiu infano, kiu lernas Esperanton ĝis 14 jara aĝo, el la tuta mondo.

La temo de la ekspozicio estas:

LA LUDO

La desegnon oni devas alsendi sur 30 x 40 cm-a desegnpapero kaj kun la desegno la Esperanta skribitan anonciĝon de la konkursanto.

Ni petas ĉiun konkursanton, bonvolu afranki la koverton per maloftaj poŝtmarkoj.

La koverton kaj la leteron ni samtempe ekspozicios kun la desegno.

La plej bonaj desegnoj estos distingitaj per altvaloraj premioj.

La infanoj alsendu la desegnojn ĝis la 1-a de majo 1969 al la adreso de Johano INGUSZ, lerneja direktoro,

XIII Tomori u. 2. BUDAPEŜTO (Hungario).

# HISPANUJO, EŬROPA PARADIZO POR ĈASADO KAJ FIŜKAPTADO



**Luis Mira Izquierdo**

Hispanujo estas, el inter eŭropaj landoj, tiu, kiu pli da oportunaĵoj oferas por la praktiko de la sportoj pri ĉasado kaj fiŝkaptado. La aranĝo, reguligo kaj disvastigado de tiaj sportoj apartenas, unue, al la Nacia Servo pri Rivera Fiŝkapto kaj Ĉaso kaj, due, ĉefe kiam ĝi rilatas al faciligo de la sportoj al eksterlandanoj, al la Informa kaj Turisma Ministerio.

La Nacia Servo pri rivera Fiŝkapto kaj Ĉaso dependas de la Ĝenerala Direktejo de Montoj, kiu estas organo de la Agrikultura Ministerio.

## LA MALGRANDA ĈASO (1)

Hispanujo estas eŭropa paradizo por la malgranda ĉaso. Laŭ speciala maniero, la hispana ruĝa perdriko, sen paralelo kun ĉiuj eŭropaj birdoj por ĉaso kaj sovaĝa vivo, estas alte taksataj de la ĉassportistoj, ĉar, ilia kaptado signifas pasian sporton kaj iliaj "ojeos" (2) belan spektaklon malfacile forgeseblan. Oni povas trovi la ruĝan perdrikon en la tuta mezo de la duoninsulo, tre speciale en la Mancha kaj konkrete en la provincoj Ciudad Real, Toledo kaj Albacete.

Aliaj du specoj de malgranda ĉaso, tre ŝatataj, estas la kunikloj kaj leporoj. La unuaj suferis, dum la lastaj jaroj, la epizootion nomatan miksomatozo, kiu ekstermis grandan nombron da kunikloj en pluraj regionoj. Sed, tiu epizootio jam malaperis el la plej granda parto de la duoninsulo. La kunikloj mem imuniĝis kaj la novaj idoj fariĝis rezistaj kontraŭ tia malsano. Leporoj estas malpli abundaj kaj malpli ŝatataj, ĉar ilia karno, kvankam tre bongusta, estas viando ne tiel facile digestebla. La leporoj tute ne estis atakitaj de miksomatozo kaj ilia nombro kreskas ĉiutage.

Koncerne la migrantajn birdojn, Hispanujo donas eblecon por grandaj ĉasadoj de turtoj, palumboj kaj koturnoj. Ĝuste, dum la ĉasmalpermesa tempodaŭro por la malgranda ĉaso de lokaj specoj, kiel perdrikoj, kaj konkrete dum la monatoj Aŭgusto kaj Septembro, —monatoj nomataj de duona malpermeso por la ĉaso—, la ĉasistoj povas ekzerci sian sporton kontraŭ tiaj migrantaj birdoj.

## LA GRANDA ĈASO (3)

Hispanujo povas doni, al sporta ĉasisto, oportunecon kapti specojn, kiel tiuj de urso kaj hispanuja kapro, kiuj estas ekskluzivaj en la tuta Eŭropo kaj kies konservadon oni zorgas per rigoraj adekvataj ĉasmalpermesoj. Aliaj specoj de granda ĉaso, kiel tiu de urogalo aŭ sovaĝa koko, ankaŭ estas ekskluzivaj de Hispanujo. Krom tiaj specoj unikaj, aliaj pli ordinaraj, damao, cervo, "rebeco" (speco de ĉamo), cetere, abundas en la rezervoj, kiuj, grandnombre, ekzistas en la tuta duoninsulo, tre speciale en la suda parto.

SALMOREZERVEJOJ

Salmo estas, sendube, la plej ŝatata speco kaj ĝia aparta reguligo permesas sekurigi ĝian konservadon. Krom la normala permeso por fiŝkapto, oni bezonas ankaŭ alian, speciale por kapti salmidojn; salmojn kaj trutojn. Pri tiu lasta salmido, oni periode renovigas la fiŝidaron per liverado de alvusoj al la naciaj fiŝbredejoj. Hispanujo havas dudek tri ŝtatajn fiŝbredejojn kaj ses privatajn. Estas salmidaj riveroj en Hispanlando, laŭ la norda marbordo, de Galegio ĝis la franca landlimo, la riveroj Ulla, en Pontevedra, kun kvar rezervitaj fiŝejoj por sportaj fiŝkaptistoj; la rivero Tambre, en La Coruña; Sor kaj Masma, en Coruña-Lugo; Eo, kiu disigas Lugon de Oviedo; Navia, kun kvar fiŝkaptejoj, en Oviedo; Narcea, Pigueña, Sella kaj ĝiaj enfluriveroj, Deva kaj Cares, en Oviedo, la lasta ankaŭ parto en la provinco de Santander. La rivero Sella ĉiujare sukcesas atingi la rekordon pri salmokaptado. Estas rezervitaj, por eksterlandaj fiŝistoj, dudek du fiŝkaptejoj, kies aljuĝo apartenas al la Informa kaj Turisma Ministerio. En la provinco Santander estas ankaŭ salmidaj riveroj. Krom tiu Deva jam citita, Nansa, Pas kaj Asón, tiu lasta la dua rivero en Hispanujo pri alfluo de salmoj. En la internacia rivero Bidasoa, kiu disigas Hispanujon de Francujo, ankaŭ oni povas kapti salmojn, kvankam ili estas multe pli malabundaj ol en la riveroj antaŭe cititaj.

PROVIZORA IMPORTADO, SEN DOGANIMPOSTO, POR ALILANDAJ SPORTULOJ

Eksterlandaj ĉasistoj, kiuj venas en Hispanujon, povas importi provizore, sen dogana pago, siajn ĉasfusilojn kaj la fiŝkaptistoj tutan sian ilaron.

La Informa kaj Turisma Ministerio plej multe faciligas la akiron de la koncernaj permesoj por ĉaso kaj fiŝkapto, al eksterlandaj sportistoj.

En la doganejo ili devas deponi monan garantion, por eventuala vendo de siaj ĉasfusiloj, karabenoj aŭ fiŝilaro dum sia restado en Hispanujo. Elirante el la lando, ili tuj reprenas la monon se vendo ne okazis. En la pasporton oni enskribas la ciferojn kaj distingigan ecaron de la armiloj kaj ilaro, enirintaj en la landon pere de provizora importado.

Per tiuj ĉi eblecoj permesataj al sportaj eksterlandanoj, ĉasistoj kaj fiŝistoj, Hispanujo, kiu posedas kune kun la plej ŝatindaj kaj ekskluzivaj specoj, tiel pri granda kiel pri malgranda ĉaso, specialajn salmokaptejojn (jam priskribitajn) kaj trutejojn (107 entute) la du riveraj specoj plej alte taksataj, estas vera paradizo por la praktiko de tiaj noblaj sportoj, ĉu por hispanoj ĉu por alilandanoj.

**Tradukis: J. DEVIS**

---

(1) La malgranda ĉaso = Tiu de leporoj, kunikloj, palumboj, perdrikoj, k.t.p.

(2) Ojeos = Pelado kaj persekutado de ĉasaĵoj ĝis taŭga loko, por tie pafi kaj kapti ilin.

(3) La granda ĉaso = Tiu de cervoj, damaoj, urogaloj, aproj, ursoj, k.a.



## ✱ Ni legis por vi...

*LIRIKO. — Aŭtoro: Federico García Lorca. Tradukis: Konstantin Gusev. Eldonis: Komisiono pri Internaciaj ligoj de sovetaj esperantistoj, Moskvo,* 1968, *per mimeografa procedo.* 78 *paĝoj* 20 x 15 *cm. Prezo ne indikita.*

Oni spertas agrablan kaj eĉ neatenditan surprizon, pro tiu odoranta poembukedo de García Lorca, kiu ĵus vojis el Moskvo. La andaluza lirikisto ĉifoje ne patosas per sia kastillingva jam klasikiĝinta esprimmaniero, sed per belaj agordoj, kaj plena simfoniado, laŭ suverenaj taktoj de la Internacia Lingvo. Estas konate ke la hispana poeto havas multajn admirantojn en Rusujo kaj socialismaj landoj; do ne strange Esperanto estas ankaŭ tre taŭga kaj efika rimedo por pli kaj pli diskonigi liajn plej gravajn poemojn.

Mi sciiĝis, antaŭ ne longe, pri la fakto ke de antaŭ kelkaj jaroj la versaĵoj de Gacía Lorca estas iom post iom respondece esperantigitaj fare de hispana samideano. Do, kun streĉa intereso nun oni legas la tradukon faritan de Konstantin Gusev, ĉar tio estas, vere, laŭdinda kaj eksterordinara entrepreno; kaj ankaŭ tio estas elmontro de ĝis kiu grado la plej universala hispana poeto de la moderna epoko, reprezentas kulminon de arto kaj originaleco, pri majstra bildigo de iuj strangaj rasaj kaj atavismaj trajtoj, kaj pri kreado de rara stilo. Federico, klasikulo ja li estas; kaj ne strange, la mondo konstante trastudas kaj traserĉas lian plenan verkaron, kun renovigita avideco de ĉiu nova generacio, malgraŭ la ŝajna freŝeco de lia verŝiĝinta sango. Ni, hispanoj, devas ankaŭ fieri pri tiu fakto, ke García Lorca, dank' al Esperanto, povas konkeri ankoraŭ pli vastan mondon.

La elstara poeto s-ano K. Gusev lanĉis sian prilaboritaĵon, kiel omaĝon al la geniulo, kaj implicite, al la Zamenhofa ilo, pruvante per tio, kiel Esperanto kapablas alproprigi al si la sorĉon de la hispana romanco, kaj tiun specialan de la poeto de Granada.

Pri la komentariata libro, unue, mi diru, ke tre taŭga kaj afika estas la enkonduka eseo subskribita de A. Geleskul: ĝi lerte forŝovas scenejan kurtenon por proponi la profundan lirikan senton de Federico. Tiuj antaŭparolaj vortoj efikas kiel utila ŝlosilo, por ke oni situiĝu konvene en la ĝusta medio, kaj intenco, kie disvolviĝas la efervesko de la poemoj. Kaj tial, la leganto povas trafi pli facile la komprenkapablon, por povi mergiĝi en la misteran lagon de poezio sorĉodona. Ni konsideru ke nepre oni restos, volenevole (nun mi parolas pri la esperantlingva traduko), kaptita inter la maŝoj de la magia arto de la poeto. Kaj nur tiam oni ne plu parolos pri absurda lingvaĵo, sed pri elvokaĵoj rilatantaj mondon plenan je stranga mistikismo; kaj ankaŭ ne pri artefarita, laboratoria fabrikaĵo, sed pri mezuroj kaj eltrovoj de granda genia talento. Alfrontante tion, la tasko de Gusev estas laŭdinda, sed vere riskoplena, ĉar li konstante devis peni kapti ne nur la lingvan signifon, sed ankaŭ la ekzotikajn nuancojn kaj la ĉiam densecan etoson. Konsiderinte tion, ni devas agnoski ke li plejparte sukcesis, precipe kiam la adjektivigado ne tro flankenŝovas la animon de multaj beletraj esprimoj kaj vortoj, kiuj en sia kunteksta sintakso posedas karakterizan voluptecon.

Kaj evidentiĝas en tiu estiminda traduklaboro, ke Esperanto efikas, eble plej bone ol iu ajn nacia lingvo, por transdoni, tre kontentige, la misteran potencon kiu ŝvebas en la versaĵoj de nia García Lorca, precipe en tiuj de la fama "Romancero Gitano". Se en iuj poemoj estas ebla tradukado iom subjektiva, kun bona rezulto, pro la stilo de la originalo kiu ofte baziĝas sur la tiel nomata "absoluta poezio", en aliaj okazoj, kie la tradukinto ne trafis la absolutan vortan valoron —aŭ li devis foroferi iom da objektiveco por favori la rimon kaj silaban alĝustigon—, la traduko ne redonas tute fidele la plenan vervecon de la lirika mesaĝo.

Jen, do, rimarkinda interpretado de García Lorca. Eble oni povas ĝin plibonigi. Sed la nuna rezulto, prilaborita de iu kiu ne estas kastillingvano, estas juste reliefiginda.

*Hilda Dresen: NORDA NATURO. POEMARO. Prologoj de E. Linnuse kaj L. Tárkony. Kovrilo de Jan Schaap Jr.* STAFETO: *Beletraj Kajeroj,* 33. *J. Régulo, Eldonisto, La Laguna, Kanariaj Insuloj,* 1967. 12 x 18,5 *cm.* 144 *paĝoj. Prezo:* 1.50 *usonaj dolaroj (aŭ egalvaloro).*

Konsiderante la emociplenan potencon, la trafajn esprimnuancojn, la plej variajn delikatajn temojn kaj aliajn elstarajn trajtojn, kiuj evente karak-

terizas la poemlibron de Hilda Dresen NORDA NATURO, ĉu ni rajtas ĝuste paroli pri evidenta, aŭ nur ŝablona, virineca poezio?

Ŝajnas al mi, ke, tutcerte, plej nobla virineco diktis plejparte taktojn de speciala animstato. Sed pro genia, tute persona fenomena vastiĝo de sentimentoj kapablaj tajli diamantajn poemojn, la inspiro de la estona poetino, kreis perfektan mondan realaĵon tute akorde kun ensonĝaj bildoj. La rezulto de tiu virineca spirita fermentado, manifestiĝas verse per universala, potenca, "senseksa" enkorpiĝo de bildoj kaj ideoj, kiuj kapablas enpenetri en nian avidecon —aŭ kapablas tion fari, venke, eĉ sur mankon de perceptado pri poezia mesaĝo.

La aŭtorino situigis sorĉan medion en siajn versojn. Kaj la versoj personiĝis tute nature kiel karakterizaĵo de ŝia landa medio. Sed kiam ni legas la koncernajn poemojn, ni perceptas ke tiu sorĉeco ne malkongruas kun vere reala mondo, ideala fizika naturo, kaj kun de ĉiuj spertitaj aŭ ravitaj spaco lumo, konturoj kaj etaj detaloj de enlimigita mondo.

Hilda Dresen uzis, kaj nur bezonis, simplan lingvaĵon por artisme priskribi simplaĵojn de valoro transcenda, kiuj okazigas al ni feliĉigajn emociojn kaj reagojn. Elektis ŝi, ordinare, travidajn versajn skemojn por aŭdigi muzikon de io, kio transsaltas limojn de vulgareco. H. Dresen kapablis premi delikate, sed efike, tiujn ĝustajn klavojn, kiuj posedas sekretajn melodiojn: ĉio ĉi okazas tute simple, kiel la plej belaj, sed etaj, mirakloj kiuj nuanciĝas kaj viviĝas la sezonojn de la priskribita norda naturo.

"Sezonoj", "Floroj", "Tenero", "Humoroj", "Pensondoj": jen la partoj, aŭ aspektoj, de la poemaro, en kiujn verŝiĝas sentimento de agordanta koro, kiu fine krevas en vastan kaj mileĥan simfonion, kiel libro de saĝeco, kiel oraklo de absoluta, senmorta, senenigma poezio.

Mi invitas vin, karaj legantoj, avide enspiri la neforvaporiĝeman parfumon de tiu bukedo: vi kvazaŭ reale eltrinkos pokalon da feliĉiga nektaro.

Aliaj poetoj sin esprimas, kaj sin esprimos, per alivoja aktualigo de temoj kaj teknika versfarado, sed H. Dresen, per tiu odoranta poembedo de la riĉa kolekto "Beletraj Kajeroj", jam postlasis konstantan spuron de lumo, kalejdoskopon de esperantlingva kulturo.

*G. Mora*

## deziras korespondi

POLLANDO. — 52 gekursanoj 19-35 jaraj en Varsovio —plej parte virinoj— deziras korespondi kun hispanoj, komence per bildkartoj. Skribu —legeble— al: S-ino Hanna Kurkiewicz, Pola Esperanto Asocio, WARSZAWA, ul. Nowy Swiat 27.

POLLANDO. — Starachowice. 1, ul. Stowackiego 17-11, S-ro Jan Sigda deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj kaj interŝanĝi p.m.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Svitavy, str. Nejedlého 7, F-ino Lenka Semrádová deziras korespondi kun hispana studento, se eble de medicino, kvankam tio ne estas kondiĉo.

FRANCUJO. — 11-Lézignan, Maison de Rétraite, S-ro M. Romerales deziras sanon kaj dankon al ĉiuj geamikoj, kiuj dum la U.K. en Madrid sendis al li rememoran poŝtkarton.

ARGENTINA. — Buenos Aires, Calle Don Bosco 4002, Instituto Superior de Comunicaciones Sociales (Curso de Idioma Internacional Esperanto). Dudek gekursanoj, de grava duonoficiala Kurso, 20-30 jaraĝaj, ĉiuj abiturientoj deziras korespondi en Esperanto kun tutmondaj esperantistoj.

U.S.S.R. — Taŝkent-15 poste restante, Petro Peterson deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj. Ankaŭ sia Esperanto rondeto volonte korespondus kolektive kun iu Esperanto rondeto infana-junulara (ili estas 12-18 jaraĝaj).

HUNGARUJO. — Kazincbarcika, P.f. VSZV, S-ro Békési István deziras korespondi kun hispanaj esperantistoj.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Velká u Hranic okr, Prerov, S-ro Bily Zdenek, kolektanto deziras korespondi kaj interŝanĝi diversaĵojn kun hispanaj esperantistoj.

BULGARUJO. — Plovdiv, P.O. Box 163, Inĝ. Jordan Stojanov, elektrainĝeniero 29 jaraĝa deziras korespondi kaj interŝanĝi diversaĵojn kun hispanaj esperantistoj.

ĈEĤOSLOVAKUJO. — Dobruŝka ok. Rychnov n.k., Mírová 813, S-ro František Nagy, 26 jaraĝa, terogeometro deziras korespondi kun hispana esperantisto.

# EKSKURSO AL KANARIAJ INSULOJ

de la 2-a al la 14-a de julio 1969

| | |
|---|---|
| 2-7-69 | Matene forveturo de Madrid per aviadilo JET "T".<br>Post tri horoj, alveno al Santa Cruz de Tenerife.<br>Nokte, per ŝipo 1-a klasa veturado al La Palma. |
| 3-7-69 | Matene, alveno al La Palma.<br>Tagmanĝo, vespermanĝo kaj loĝado en hotelo 1-a B kategorio. |
| 4-7-69 | Matenmanĝo, tagmanĝo kaj vespermanĝo en la hotelo.<br>Nokte reveturo al Tenerife per ŝipo 1-a klasa. |
| 5-7-69 | Matene alveno al Tenerife.<br>Loĝejo en Tenerife mendota rekte al la Loĝiga Servo de la Kongreso. |
| 11-7-69 | Matene, aviadile, forveturo al Las Palmas de Gran Canaria.<br>Post duonhora flugado alveno al Las Palmas.<br>Vespermanĝo kaj loĝado en hotelo 1-a B kategorio. |
| 12 kaj 13-7-69 | Restado en Las Palmas, duonpensiono en la hotelo. |
| 14-7-69 | Matenmanĝo en la hotelo.<br>Reveturo al Madrid.<br>Post trihora flugado alveno al Madrid. |

| | |
|---|---|
| Prezo de la ekskurso po persono, en dulita ĉambro kun banĉambro | 10.842 ptoj. |
| Prezo de la ekskurso po persono, en unulita ĉambro kun banĉambro | 11.037 ptoj. |

Pliajn informojn vi povos ricevi en Sekr-ejo de H.E.F.

# LIV-a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

de la 26-7 ĝis 2-8 1969

| | |
|---|---|
| 26-7-69 | Matene forveturo de Madrid aŭ Barcelona per aviadilo JET "T".<br>Vespere, alveno al Helsinki. Translokigo de la flughaveno al Hotelo 1-a B kategorio.<br>Vespermanĝo kaj loĝado en la Hotelo. |
| 27-7-69 ĝis 1-8-69 | HELSINKI. Duonpensiono en la Hotelo. |
| 2-8-69 | Matenmanĝo en la Hotelo.<br>Se la Gekongresanoj deziros reveni saman tagon al Madrid aŭ Barcelona ili estos translokitaj de la Hotelo ĝis la flughaveno.<br>Si ili deziros resti en Finnlando por ekskursi Postkongrese, la bileto validas unu monaton.<br>Je ĉi tiu lasta kazo post la matenmanĝo fino de niaj servoj. |

Prezo de la vojaĝo po persono en dulita ĉambro kun banĉambro:

| | |
|---|---|
| De Madrid | 24.658 ptojn. |
| En unulita ĉambro kun banĉ | 26.591 ptojn. |
| De Barcelona, en dulita ĉambro kun banĉambro | 23.936 ptojn. |
| De Barcelona, en unulita ĉambro kun banĉambro | 25.869 ptojn. |

Se iu el la kongresanoj deziras resti pliajn tagojn en Helsinki:

| | |
|---|---|
| Prezo po persono kaj tago en la Hotelo duonpensiono | 1.190 ptojn. |

Pliajn informojn vi povos ricevi en Sekr-ejo de H.E.F.

---

Junulinoj el Bilbao, deziras kontakti, kun hispanaj geesperantistoj, kiuj vojaĝos al Helsinki, por partopreni en la 54-a Universala Kongreso de Esperanto.

Nia adreso: María José Burgos, "Grupo Esperantista de Bilbao", str. Barrencalle Barrena, 7, 1.º, Bilbao-5.

# SEMAJNO DE INTERNACIA AMIKECO

Kiam vi ricevos ĉi tiun numeron de BOLETIN, vi jam estos ricevintaj afiŝetojn pri la Semajno, por aperigi ilin en montrovendejoj; tiamaniere, la ne esperantista publiko interesiĝos ankaŭ pri ĝi.

La estraro de H.E.F. decidis organizi la Semajnon en kunlaboro kun "Asociación de Antiguos Exploradores y Guías de España". Tiurilate, ni sendis letercirkuleron al ĉiuj Grupoj kaj Sekcioj de H.E.F.; nun, mi petas al ĉiuj samideanoj de urboj, kie ne estas organizita Grupo: se en via urbo ekzistas trupo de "Guías de España", klopodu interkonsenti kun ili, kiuj plej eble, volonte kunlaboros en la organizado kun vi. De ĉiam, la trupoj de skoltoj kaj skoltinoj de Hispanujo estis en bonegaj rilatoj kun la esperantistoj. Ke la Semajno de Internacia Amikeco revivigu tiujn bonegajn rilatojn.

---

Same kiel en ĉi tiu numero de BOLETIN aperas ĉiuj raportoj pri la Zamenhof-Tago, en numero, marto-aprilo aperos ĉiuj raportoj pri la aranĝoj organizitaj okaze de la Semajno de Internacia Amikeco. Mi petas al ĉiuj raportontoj bonvolu sendi la raportojn kiel eble plej baldaŭ tuj post la Semajno. Koran dankon!!!

---

Poŝtkartoj kun la emblemo de la Semajno, "amikokartoj", ankoraŭ restas je via dispono ĉe Libroservo de H.E.F., se vi ankoraŭ ne mendis, mendu ilin tuj. Prezo: 10 ptoj. deko.

# *29ª HISPANA KONGRESO DE ESPERANTO*

Organizita de la Hispana Esperanto Federacio.

Okazonta en La Laguna (Tenerife) de la 5-a al la 10-a de julio 1969.

Adreso de la Organiza Komitato: Apartado 53. La Laguna.

Loka Kongreskomitato: Prezidanto, Juan Régulo Pérez; Sekretario, Antonio Ferrer Hervás; Kasisto, Angel Pombrol Hernández; Generalaj Aferoj, Nicolás Pérez Alvarez; Loĝiga Servo, Ramón Rodríguez Peña; Membroj, Antonio Benítez Hernández, Ana María Ferrer Hervás, Antonio Ferrer Soler, Francisca González Ramos, José Palmero Pérez.

TIP. C. BOLOIX.-REINA FABIOLA, 7.-ZARAGOZA

D. L. 53 Z - 7 - 63